Monata informilo de Sovetlanda Esperantista Movado
u

## PARTOPRENO de ESPERANTISTOJ en la MOSKVA KONGRESO de PACAMAJ FORTOJ.

La 28-an de oktobro en Moskva Internacia E-klubo(MIEK)regis festa atmosfero de vera Esperantujo.Moskva esperantistaro akceptis siajn gastojn - partoprenantojn de la packongreso.
Akompanante de varmega aplaŭdado,ĉiuj gastoj okupis lokojn en la prezidio.La unuan vorton ricevis elstara soveta esperantisto, komitatano de MEM S.N.Podkaminer el Leningrad.Li prezentis al la ĉeestantoj la 4-membran delegitaron de MEM,kiun krom li konsistigis:prezidanto de MEM N.Aleksiev(Bulgario),ĉefredaktoro de "Paco" W.Gilbert(Francio)kaj komitatano de MEM Belanoviĉ(Jugoslavio).Ankoraŭ kvar esperantistoj partoprenis la Kongreson kiel reprezentantoj de diversaj naciaj kaj internaciaj pacmovadoj:geedzoj I.kaj A.Cottin(Svislando), komitatano de TEJO I.Maier(Svedio)kaj s-ano Nikoliĉ(Jugoslavio).Ĉiuj ok gastoj parolis antaŭ la kunvenintoj.En la paroloj ili esprimis siajn impresojn pri la gastama Moskvo,rakontis pri la agado de MEM kaj landaj E-movadoj.Precipe elokventaj,riĉehavaj kaj emociaj estis la paroloj de k-doj Podkaminer,Aleksiev kaj Gilbert.La renkontiĝo kun esperantistoj--packongresanoj restis en la memoro kiel la plej grava aranĝo en moskva E-vivo ĉi-jara.
Sed ankoraŭ pli gravaj eventoj okazis jam post la vespero en MIEK.La MEM-delegitaron akceptis ĝenerala sekretario de Tutmonda Packonsilantaro,prezidanto de la Kongreso R.Ĉandra. Dum la konversacio li tre alte taksis la agadon de MEM kaj esprimis certecon pri ĝia plua aktiva partopreno en la ĝenerala pacmovado.Fine de la renkontiĝo estis subskribitaj du ekluzive gravaj dokumentoj inter Tutmonda Packonsilantaro kaj MEM:Unuigita deklaracio(alvoko al ĉiuj naciaj packonsilantaroj kaj MEM-sekcioj pri uzo de Esperanto en la pacbatalo)kaj Konkretaj proponoj pri formoj kaj metodoj de kunagado.Krom tio,niaj gastoj aktivis en Komisionoj de la Kongreso:en 3 komisionoj(el 14)dum la debatoj estas faritaj proponoj pri uzo de la Internacia Lingvo,kiuj eniris protokolon de la Kongreso.
Partopreno de esperantistoj en la Kongreso de pacamaj fortoj signas novan ŝtupon en la progreso de MEM kaj E-movado ĝenerale.
La subskribitaj dokumentoj montras klare kaj aŭtoritate, ke esperantistoj ne estas iuj utopiaj fantaziuloj,sed marŝas en unuaj vicoj de pacbatalantoj,t.e.dediĉas sian agadon al la plej nobla afero sur la Tero.Nun ankaŭ ni,sejmanoj,devas plifortigi la porpacan direkton de nia agado,pli aktive labori en kadroj de MEM,proponi nian laŭfortan helpon al lokaj packomitatoj.Tio sendube nur stimulos plistabiliĝon de niaj pozicioj.

V.Aroloviĉ
(Moskvo).

## Esperanto-Universitato.

Jes,ni jam maturiĝis por nia Universitato,Esperanto-Universitato.Kvankam aperis ĝi sufiĉe subite.Antaŭe ni planis nur Primovadan lernejon,modestan,unusezonan.Ni pensis lekcii dum la tendaro dekon da prelegoj kaj sufiĉe.Sed kiam en kadroj de la VII-a SEJM-Konferenco mi komencis kunlabori kun aktiviloj(unu-

avice kun S.N.Podkaminer)pri la programo,la Primovada lernejo, ne naskiĝinte transformiĝis je E-Unuversitato.Kiel rektoro afable konsentis elstara leningrada esperantisto Semjon Naumoviĉ Podkaminer.

Kvankam pri la programo de la E-Universitato ni dume laboras eblas jam diri jenon.La E-Universitato havos 4(5)kursojn. Oni studu ĉefe:I-a kurso - La E-historio;2-a kurso - Esperanto en la fakoj(praktiko);3-a kurso - E-literaturo;4-a kurso - - E-ideologio;(5-a kurso - interlingvistiko).(Mi devas averti, ke ĉoi ĉi estas kiel propono kaj povos en kunlaboro ŝanĝiĝi). Kelkiuj proponas enmeti ankaŭ sciencan gramatikon,metodikon de E-instruado.Aliajn proponojn ni atendas.

En SEJT-XV laboris jam I-a kurso.En SEJT-XVI laboros la I-a kaj II-a kursoj.Al SEJT-XVI ni planas ellabori programon kun demandoj por ĉiuj kvar(kvin)kursoj,por oni povu ankaŭ hejme prepari sin se estas kondiĉoj.Ne gravas ĉu oni vizitas lekciojn en la Universitato(dum SEJT),ĉu oni preparas sin hejme ĉiuj devas pasi rigoran ekzamenon.

Por la Universitaton ne penetru neperfektaj geesperantistoj verŝajne indas organizi enirekzamenon,kiu taksos precipe lingvan kapablon ĉeesti la universitatajn studojn.Kiu eniras la Universitaton ricevos ekzamenlibreton,similan al la indtituta.

Nur en la estonto ni sukcesos multobligi lekciojn,sed dume ni devas kolekti ĉiun literaturon,kiu kuŝas dise en privataj bibliotekoj.Sekve ni petas aktivulojn venigi al SEJT librojn kaj materialojn,kiuj iel rilatas al la cititaj supre temoj,studotaj en la Universitato.El ĉiuj prunte-kontribuoj ni faros universitatan legejon.En fino ĉiuj reprenos siajn librojn.

Por prepariĝi al la ekzamenoj hejme indas fondi regionajn bibliotekojn universitatajn.Tio estas interŝanĝo de valoraj libroj por fiksita periodo inter E-kluboj de la regiono(ĉebalta, ukrajnia ktp).

Do,por nia E-Universitato aspektu inda mi alvokas ĉiujn gesamideanojn al kunlaboro.Al rektoro de la Universitato ( 191010,Leningrad-10,Skolnaja 48-7,Podkaminer S.N.) mi petas sendi:a)viajn proponojn pri programo de la Universitato;
b)viajn sinproponojn lekcii pri iu temo en la Universitato,
c)vian projekton de la ekzamena libreto,
ĉ)titolojn de libroj,kiujn vi povas disponigi por laŭ somera universitata legejo,
d)ĉion alion,kio koncernas la Universitaton.
Fininta E-Universitaton devos inde porti titolon de E-profesoro ĉu enlande,ĉu eksterlande.

A.Gonĉarov(Barnaul)

__Pri puslingvaj ekvivalentoj de kelkaj esperantismoj__

Ofte ni surpaĝe de ĵurnaloj,en prelegoj,konversacioj kaj aliloke mencias pure movadajn terminojn.Bedaŭrinde,fojfoje por ili estas donataj ne trafaj rusaj ekvivalentoj,kio ne utilas por nia afero.Ĉi sube mi proponas kelkajn akceptindajn ekvivalentojn por ĝenerala kaj unueca uzado:

Soveta Esperantista Junulara Movado (SEJM) - Sovet molodjoĵniĥ esperantistskiĥ klubov SSSR;
prezidanto de SEJM - predsedatel...;
vicprezidanto de SEJM - zam.predsedatelja...;
Universala Esperanto-Asocio(UEA) - Vsemirnaja Associacija Esperantistov;
delegito de UEA - predstavitelj...
Tutmonda Junulara Esperanta Organizaĵo(TEJO) - Vsemirnaja Molodjoĵnaja Organizacija Esperantistov;
Universala Kongreso de Esperanto(USE) - Vsemirnij Kongress Esperantistov;

Internacia Junulara Kongreso de Esperanto - Meĵdunarodnij molodjoĵnij Kongress esperantistov;
Sovetia Esperantista Junulara Tendaro - Vsesojuznij Molodjoĵnij lagerj esperantistov;
Estraro de E-klubo - Sovet kluba Esperanto;
Regiona renkontiĝo - zonalnij sljot;
Konstrutaĉmento "Esperanto" - studenĉeskij stroitelnij otrjad "Esperanto";
Informa fako - otdel propogandi;
SEJM-Konferenco - Konferencija aktivistov molodjoĵniĥ klubov Esperanto;
Regularo de SEJM - Poloĵenije o Sovete...
Oficialaj instancoj - partijnije,komsomolskije,profsojuznije, sovetskije instancii;
E-kurso - kruĵok(po izuĉeniju)Esperanto;
Fakestro - rukovoditelj otdela;
Zamenhof-pokalo - pereĥodjaŝĉij kubok Zamengofa;
Kanta fako - otdel(po sboru i populjarizacii)esperantskiĥ pesen;
E-tendaro de naturamikoj - lagerj esperantistov-druzej prirodi;
Koresponda servo - otdel meĵdunarodnoj perepiski;
samideano - tovariŝĉ.

Boris Kolker(Ufa).

"Gastamas la loko
de l'renkonto - la Ural'"

REVU-VIII(Renkontiĝo Esperantista Volgo-Urala)okazis 7-8-n de novembro apud urala urbo Miass en turista ripozejo ĉe pitoreska lago Ilmenskoje.La renkontiĝo estis organizita de ĵusnaskiĝinta E-klubo de Miass kun helpo de ĉeljabinskaj geesperantistoj.Miassa grupo ekzistas nur 2 monatojn.Ĝin fondis V.Dobridina kaj L.Novikova,estintaj membroj de Ĉeljabinska E-klubo. Kaj jen ili jam akceptis gastojn.Venis preskaŭ 40 personoj el Ĉeljabinsk,Miass,Ufa,Sverdlovsk,Salavat,Beloreck,Kusa,Tjumenj, plejparte aktivuloj.Do,bedaŭrinde,nur 2 SEJM-kluboj estis reprezentitaj dum la renkontiĝo.Post solena malfermo de la REVU, kiam la partoprenantojn gratulis mem Mastrino de Kupra Monto - - vestita en fabela vesto junulino el Miassa klubo,okazis la kunsido.Ĝin gvidis V.Laptev.La kunsido enhavis raportojn pri la kluba laboro kaj pridiskutadon de la lasta cirkulera letero de SEJM-Komitato.Precipe interesa kaj vigla estis konversacio pri temaro por la Somera Universitato.Laŭ opinioj de la partoprenantoj,tre dezirindaj estas prelegoj pri jogo,pri eksterTera vivo,diversaj kosmaj fenomenoj,turismo,moderna arto,pri metodoj ~~de nia lingva nivelo.Krome,estis espri~~-por plialtigo de nia lingva nivelo.Krome,estis esprimita deziro aŭskulti unu Ŝercan prelegon("Akademio de gajaj sciencoj")en kadro de Somera Universitato).Ankaŭ aperis demando pri peresperanta agado,kiu estas tre grava por nia socia kresko.Eble tiu demando estas vaste pridiskutenda?Lige kun tio aktuale sonis informo de reveninta el Moskvo G.Redin pri la deklaracio,ellaborita de MEM kaj Tutmonda Pacdefenda Movado dum la Universala Kongreso de pacbatalantoj en Moskvo.

Post la kunsido ĉiuj bankedis,kantis,spektis pantomimojn de ufano A.Aleksandrov.

Sekvatage estis organizita marŝo tra la glaciiĝinta lago, tra pinarbaro al la mineralaj minoj.La ekskursantoj ĝuis pri belega urala naturo,suna,frosta vetero.

Vespere ĉiuj promenis tra Miass,vizitis urban ekspozicion de lokaj pentristoj,dediĉitan al 200-jara jubileo de la urbo.

La programon kronis interesa kinovespero en salono de la ripozejo.

REVU-VIII estis la unua kaj tre sukcesa paŝo de juna Miassa E-klubo.

N.Cvileneva(Ufa)

## Pri progresantoj

Kiel unu el mankoj de SEJT-XV estas nekontento pri ĝi flanke de aro da progresantaj esperantistoj.Fenomeno preskaŭ unuan fojon renkontata.Pro kio?~~Kaj kial~~ Kiaj kialoj? Ja antaŭ 4-5 jaroj la progresantoj ĝuste en tendaroj paroliĝis, esperantistiĝis.La respondo estas sola:apero en SEJM de E-popolo, flue parolanta la lingvon,ŝatantaj Esperanton,pensantaj en Esperanto,laborantaj por Esperanto.

Ni prenu la SEJT-on antaŭ ekzemple 5 jaroj.Tiam en ĝi dominis progresantaj esperantistoj.Sekve programo de la tendaro estis adaptita por iliaj bezonoj,flue-parolantoj ne multis kaj ili laboris precipe kun la progresantoj por ties paroligo.Suma posedo de la lingvo flanke de ĉiuj tendaranoj,ni nomu ĝin tendara nivelo,estis nealta.Tiutempa tendara nivelo nur iom leviĝis super la nivelo de la progresantoj.Sed la tempo laboras,kvankam malrapide,por Esperanto.Plimultiĝas de jaro al jaro veraj esperantistoj,flue parolantaj la lingvon.Sekve la tendara nivelo pli kaj pli altiĝas.Dume lingva nivelo de progresantoj ĉiam restas (kaj same restos en estonto)la sama.

Do,diferenco inter la ambaŭ lingvo-niveloj en SEJT-XV atingis eblan maksimumon.La programo de la tendaro plene respegulis la bezonon de esperantista popolo.De alia flanko tiuj 2-4horoj de la paroliga kurso por la progresantoj estis certe ne sufiĉaj. "Ĉu nur por tiu kurseto mi venkis kelkmilojn da kilometroj?"-plendis iu taŝkentanino aŭ kartvelino.La parolantoj ne havis tempon okupiĝi pri la progresantoj pro la streĉa tendara programo.Inter esperantistoj kaj progresantoj aperis kvazaŭ abismo.

Iuj povas diri:"necesas programon de SEJT pli adapti al bezonoj de progresantoj"?Sed ĉu ne estos tio paŝo malantaŭen?Ĉu ne plendos ĉi-okaze E-popolanoj:"por kia celo mi venis tendaren?"

Mi pensas ke ĉi fenomeno estas natura kaj eĉ ĝojiga.Solvi la problemon ni povas solvoje:organizi apartajn tendarojn por la esperantistoj kaj por la progresantoj.La taskon de la unua tendaro mi ne diru,sufiĉas rigardi nur programon de SEJT-XV. Sed la taskoj de la tendaro por la progresantoj estas:1)plialtigi lingvan nivelon;2)eduki esperantistojn en vera senco de nia ideo?

Apartaj tendaroj estas idealo al kiu ni strebu.Sed dume eble pripensindas 2 respektivaj programoj en la kadro de unu tendaro?

Sama fenomeno estas observata en fortaj E-kluboj.Se en E-klubo estas jam rutine parolata nur Esperanto aligi al ĝi neparolantajn progresantojn,des pli tuj post gramatika kurso estas danĝere,nepre multaj perdiĝos.Do,mi pensas,estas necesa iu klubo(grupo)por progresantoj aparte,kiam progresanto flue ekparolos tiam oni lin transigu al la ĉefa E-klubo.

Kaj kion vi pensas? A.Gonĉarov.

## Forumo de esperantistoj en teksa urbeto.

Iĝis jam tradiciaj renkontiĝoj de esperantistoj de Centrorusia regiono.Dum novembraj festotagoj en Ivanovo okazis vica regiona renkontiĝo.Ivanovanoj tre varme akceptis gastojn el Moskvo,Kolomna,Tula,Vilnius,Riga,Ĥarkov,Barnaul kaj disponigis al ili la plej bonan hotelon de sia urbo.Malfermo de la renkontiĝo okazis enpedagogia instituta.Klasĉambro estis ornamita per diversaj esperantaĵoj.Moskvanoj alveturigis ĵus eldonitan murgazeton dediĉitan al renkontiĝo en MIEK kun delegitoj de la

packongreso.Sonis E-kantoj,salutvortoj de mastroj kaj poste parolis reprezentantoj de ĉiuj kluboj.Oni vendis loteriajn biletojn kaj E-librojn,aŭskultis per magnetofono surbendigitajn parolojn de S.N.Podkaminer,N.Aleksiev kaj W.Gilbert.Viktor Aroloviĉ donis brilan historian skizon de E-renkontiĝoj en tiu-ĉi regiono.Estis detale priparolitaj eblecoj organizi SEJT-XVI en Ivanovo kaj ankaŭ estis planita sekva renkontiĝo.Partoprenis ĉirkaŭ 55 ĉeestantoj.

Ne nur problemoj de E-movado okupis tempon de la renkontiĝo.Estis unutaga peraŭtobusa ekskurso al urbetoj Ŝuja kaj Paleĥ,kiuj havas tre riĉan historion.Arto de paleĥaj pentristoj restos en animoj de partoprenintoj por multaj jaroj, ni eĉ diru por ĉiam.Sukcese kaj interese pasis bankedo.Oni povis ĝin nomi eĉ internacia,ĉar ĉeestis gastoj el Angola. Ne mankis kantoj kaj dancoj,sed precipe atentloga estis KGS (klubo de gajaj kaj spritaj).Tion ni povas konstati el nomoj de la teamoj.Unu el ili nomiĝis "Moskvo kaj ĉirkaŭaĵoj",la alia - "Ivanovo kaj Angola".Venkis la unua.Majstre organizis KGS same kiel aliajn programerojn mastroj dela renkontiĝo. Granda laboro estis farita flanke de Loskutova T.,Smetanina S. kaj multaj aliaj.Tamen tempo fluas nur antaŭen,finiĝis la renkontiĝo,aŭdiĝas adiaŭaj vortoj kaj multaj jam planas partopreni sekvajn renkontiĝojn en Ĉebaltio,en Tula,en Kolomna.

Ju.Vladimircev (Barnaul).

** ** **

Materialojn por "Aktuale" sendu:656099,Barnaul-99,a.k;11, Esperanto-klubo.

Redaktis Ju.Vladimircev;
Tajpis N.Stolbun.